**INTERNACIA ĴURNALISTO** n-ro 2/93

organo de **TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)**

# Ĵurnalistiko baldaŭ sur scienca nivelo

**Se realiĝos la planoj, eble baldaŭ en Esperantujo oni povos studi ĵurnalistikon kaj komunikad-sciencon sur universitata nivelo. Prepariĝas tia kurso kadre de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS).**

Instigite de la dekano de l' Morfoscienca Sekcio, profesoro *Tyburcjusz Tyblewski*, AIS-membro *Stefan Maul* ellaboras strukturon kaj materialon de kurso por studentoj, kiuj volas lerni ĵurnalistikon. La kurso havos du gravajn elementojn:

- **Komunikad-scienco.** La teoria, priskriba bazo de moderna komunikado estos traktata en lekcioj. Ili klarigos la strukturojn kaj fenomenojn de komunikado kaj ĵurnalismo ĝenerale, ties diversajn efikojn kaj funkciojn. En AIS oni emfazos precipe la sferon de **internacia komunikado**, temo ĝis nun relative malofte traktata en naciaj universitatoj kaj akademioj.
- **Ĵurnalistiko.** En AIS oni tamen ne kontentiĝos pri teorio, sed proponos al studantoj praktikan kurson, kiu ebligu al ili poste trovi postenon en tiu ĉi profesio. Tial la lekciojn akompanas **ekzercoj** de ĵurnalistaj laboroj kaj metodoj. Inter la sesioj la studantoj devos en siaj hejm-landoj praktikadi en redakcioj.

Se ĉio iros glate, jam dum la AIS-sesio en Mariboro (Slovenio) de 5a ĝis 12a de junio 1993 okazos la unua kursoparto. Se vi havas intereson pri tio aŭ scias iun, kiu eventuale emus partopreni tiun ĉi kurson, skribu al Stefan Maul.




**Forta konkurenco per rivel-ĵurnalismo en Britio**

*Laŭ la karikaturisto la maliceta anĝeleto diras al fama angla verkisto Ŝekspiro: „Kompare al ili viaj historioj estas malvarma teo, Vilĉjo!" Temas pri la britaj bulvardaj gazetoj, kiuj senĉese klaĉas pri la reĝa familio. Pri tio Paŭlo Gubbins skribis en sia artikolo „Gazetoj donis, gazetoj prenis" en MONATO 11/92. La gazet-klaĉado de rivel-ĵurnalistoj tamen daŭras kaj daŭras...*

## ENHAVO

*KOLOFONO*


INTERNACIA ĴURNALISTO
Organo de

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Aperas 4foje dum jaro.

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Redaktofino de ĉi tiu numero: 13 mar 93



© ĉe Internacia Ĵurnalisto


Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.


Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Kompostata per Atari Signum 2. Presata de Flandra Esperanto-Ligo.


ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

Vicprezidantoj: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Stepinĉeva 29, HR-58000 Split, Kroatio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIA KOMISIONO
István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVÁSI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

LANDAJ SEKCIOJ:
Bulgara TEĴA-sekcio: adreso de ĝenerala sekretario
Pola TEĴA-sekcio: adreso de estrarano Kosieniak
Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

# OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

● **Se vi ne jam pagis vian kotizon 1993**, vi trovas en la ĉi-apuda kesteto ruĝan krucon. Tio signifas, ke vi aŭ fakte ne pagis aŭ ke via pago ne jam alvenis ĉe la administracio de Flandra Esperanto-Ligo. Bonvolu do kontroli kaj pagi, se tio ne jam okazis. Ni memorigas: jara membrokotizo estas por okcidentanoj 20,00 germanaj markoj (14 usonaj dolaroj), por orienteŭropanoj k. s. 5,00 germanaj markoj.

● **Membro-kunveno dum la UK en Valencio:** Precizajn daton, horon kaj ejon ni ankoraŭ ne scias, sed certe povos publikiĝi en n-ro 3/93 de IĴ, kun la tagordo. Sur ĝi vi ĉi-jare ne trovos multajn formalaĵojn, ĉar ne estos elektoj. Tial ni povos okupiĝi en Valencio pri diversaj fakaj kaj praktikaj temoj kaj aferoj. Se vi havas sugestojn, proponu ilin al ĝenerala sekretario aŭ prezidanto.

● **Germanaj poŝt-kodoj.** Ekde unua de julio 1993 en tuta Germanio validos novaj, kvin-ciferaj poŝtkodoj. Germanaj membroj bonvolu tuj, kiam ili scias sian novan kodon, komuniki ĝin al Flandra E-Ligo (prefere eltondu vian adres-etikedon, notu sur ĝi la novan kodon kaj sendu al Antverpeno) kaj (per poŝtkarto) al Stefan Maul, kiu redaktas la jarlibreton de TEĴA kun la membrolisto.
La nova poŝtkodo de Stefan MAUL ekde julio estos: **D-86150**

**Interŝanĝ-ekzempleroj:** Jen kaj jen ni ricevas demandon aŭ peton pri interŝanĝo de nia revuo kun alia E-periodaĵo. Ni atentigas, ke TEĴA pro financaj kialoj ne povas plenumi tiajn petojn, sed ankaŭ pro *principo* ne interŝanĝas sian revuon. Estas ja iomete absurda ideo, ke *fakrevuo* por ĵurnalistoj kaj redaktoroj vojaĝu senpage al tiuj gekolegoj, kiuj devus esti membroj de TEĴA kaj kiel tiaj aŭtomate ricevas la revuon.
Inverse: TEĴA - same pro financaj kialoj - ne povas aboni la tre multajn E-revuojn, tamen por la redaktoro de IĴ, se li bone plenumu sian taskon, estas grave ricevi laŭeble multajn E-periodaĵojn. Pri tiuj revuoj, kiuj ne atingas nin, IĴ kompreneble ankaŭ ne povas skribi.

**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

**Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉek-oficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi tian ĉekon. La valuto devas esti la **belga franko** (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi **via bankkartnumero**;
- Posedantoj de VISA-, MASTERCARD-, EUROCARD- aŭ ACCESS-kreditkarto simple sciigu per subskribita karto sian numeron kaj validodaton;




- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo estas fela-x;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la **usona dolaro** (USD).

Nur se vi ne povas pagi laŭ unu el la kvin supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi multe pli:
- Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron plus la sumon kiun fakturos via banko. Bv. informiĝi tie. Sur la ĉeko vi skribu la nomon **Flandra Esperanto-Ligo**.
- Sendu al ni internaciajn respondkuponojn. Ili validas, se ili estas nur maldekstre stampitaj. Unu respondkupono egalas al 28 BEF.

# Ni perdis amikon

## TEĴA funebras pri sia eksprezidanto Olav Thormodsen

**Olav Thormodsen forlasis nin. Trankvile, laŭ sia karaktero, li mortis. TEĴA perdis ne nur eminentan kolegon, sed ankaŭ karan amikon, sian multjaran meritoplenan prezidanton kaj (solan) honoran membron.**

Olav Thormodsen naskiĝis en 1910 kaj mortis 82jara la 24an de decembro 1992, do en la tago de Kristnaska Vespero, en Haugesund, Norvegio. Esperanton li lernis en 1934 kaj dum multaj jaroj gvidis la lokan klubon, kiu raportas: „Lia gajeco kaj bona humoro kolorigis niajn klubkuvenojn. Ke li havis pli ol 80 jarojn tute ne montriĝis. Lia vigleco tute kaŝis lian aĝon. Kaj li vigle laboris por sia kara Esperanto ĝis sia lasta jaro. - Thormodsen estis ĵurnalisto kaj dum multaj jaroj ankaŭ instruisto. Eĉ kiel pensiulo li ofte skribis por la urba gazeto."

### Grandaj meritoj

La ĵurnalisto Thormodsen kolektis grandajn meritojn pri TEĴA. Prezidanto Stefan Maul skribis en sia kondolenc-letero al la familianoj i. a.: „TEĴA funebras kun vi, ĉar s-ro Thormodsen ne nur estis multjara membro kaj estrarano de nia fak-asocio, sed ankaŭ ties - sola - honora membro. Li havis tre multajn meritojn pri TEĴA, al kiu li dediĉis sin ankaŭ dum la malfacila periodo, kiam ĝi estis sub influo de komunismo. Laste lia merito estis, ke energie li helpis re-organizi nian asocion dum kaj post la kunveno en Bergen. Pro tio mi publike dankis al li dum la pasintjara membro-kunveno en Vieno, esprimante nian komprenon, ke post tiom da jaroj pro alta aĝo kaj sanstato li retiriĝis el la estraro."

Tiu el ni, kiu plej longe kaj plej bone konis lin, estas *d-ro Dino Fabris*, multjara ĝenerala sekretario de TEĴA. Jen lia nekrologo:

## Afabla kolego

Estas malfacila tasko, resumi per kelkaj vortoj longdaŭran amikan interrilaton kun nia forpasinta emerita kolego Olav Thormodsen, kiu sin dediĉis dum 26 jaroj kiel prezidanto al TEĴA.

Kun tiu afabla amiko, kiu dum sia vivo streĉe laboris en ĵurnalista fako kaj ĉefe por esperanto fervore oferis siajn fortojn, mi interkonatiĝis unu jaron post lia elektiĝo kiel prezidanto de TEĴA. Tio okazis dum la fakkunveno de TEĴA en Marsejlo (42a UK en 1957), kiam la ĉeestantoj - laŭ propono de alia jam forpasinta amiko, Ivan Esperov Keremidĉiev - elektis novan estraron de TEĴA, kaj plie aprobis la aperon de revivigita organo, kiu prenis de tiam la nunan titolon „Internacia Ĵurnalisto".

Tiun gravan postenon Thormodsen tenis ĝis la 68a UK en Budapeŝto, kaj dum pli ol unu kvarono de jarcento li ege klopodis subteni nian asocion, ofte suferinte pro la ne ĉiam efika agado, nesufiĉa kunlaboro de ĉiuj estraranoj aŭ la neregula aperado de nia IĴ.

### Kvazaŭ testamento

Li havis kun mi, kiu (de la 43a UK en Majenco) dum preskaŭ tuta lia prezidanteco agis kiel ĝenerala sekretario, senĉesan rilaton per daŭra korespondado. Lastajn personajn kontaktojn mi havis antaŭ kaj dum la UK en Bergeno (li partoprenis al preskaŭ ĉiuj UKoj de UEA), kiam li skribis: „Mi ne sentas min sufiĉe laborforta por organizi kaj estri TEĴA-kunvenon, sed mi ja volonte klopodos iom helpi ĉe-flanke ... nek sentas min en kontentiga stato."

Vere li ĝojis, kiam li eksciis pri la propono de Stefan Maul kiel nova prezidanto, kiun li juĝis „kapablan kaj spertan ĵurnaliston; kun li, nia TEĴA povus tute renoviĝi kaj fariĝi vere aktiva kaj bone laboranta asocio. Bergen povos esti decidiga por la estonteco de TEĴA, kiu dum sia ekzistado sukcesis travivi plurajn malfacilajn periodojn. Bezonataj estas personoj agemaj por restarigi kaj pluvivigi nian karan asocion, egale ĉu ili loĝas en orienta aŭ okcidenta Eŭropo."

Ŝajnas al mi, ke tiujn lastajn vortojn kaj koresprimojn ni povas konsideri preskaŭ „testamento" de sincera amiko - kies ridetantan mienon certe ni ne forgesos - ĉiam kaj daŭre zorganta pri la vivo kaj agado de nia asocio.

**STRATEGIO**

# Publico - al kia celo?

**Estinte ĵurnalisto kiu nun multe klopodas por diskonigi Esperanton inter la brita gazetaro, radiostacioj kaj tv-reĝisoroj, kaj kun respondeco pri seminarioj por membroj de Esperanto-Asocio de Britio (EAB), mi ĉiam kuraĝigas ke niaj membroj laboru komence kvazaŭ la lingvo Esperanto estus tute nekonata en la mondo.**

Ni devas diskonigi *unue kaj tuj* vaste la vorton ESPERANTO; unue sen klarigo, sed frue poste kun la aldona informo, ke ĝi estas internacia lingvo. Unue la NOMO kaj poste la DIFINO. Poste ni povos provizi detalojn, faktojn, informojn al tiuj kiuj iomete interesiĝas.

La fakto ke Esperanto **ekzistas** estas la plej unua ideo, kiun ni plej frue certigu en la publika menso, precipe en la menso de influaj homoj. Kaj ke Esperanto **vivas**. Ĉu ni sukcesas? Ĉu la

homoj komencas kompreni ke ja ekzistas internacia lingvo? Kaj ke ĝia nomo estas Esperanto? Mi kredas ke jes, eĉ se ankoraŭ oni ne komencas vaste lerni.
La unuaj paŝoj estas faritaj. Unue la konatiĝo; la pasiva intereso, la akcepto de la ideo, poste la aktiva partopreno povos sekvi. Ni gajnu la scivolon de la homoj, ne trudante al ili troan nuran propagandon. Ili petu pluan informon, kaj ni estu pretaj doni tion. Jen la plano de la kampanjo. Sed ĉu ĝi sukcesas?

**Sinonimo de internacieco**

Ĉu la publiko komencas akcepti? Jes, nepre jes. Pruvoj: Oni aludas al Esperanto en la sama kunteksto kun la ideo „internacia". *„La EKUO estas Esperanto-mono."* - *„La diversaj terminoj de la komputistoj software bit kaj bite estas la Esperanto de la komputista mondo."* Oni skribas ke la diversaj sportaj terminoj *„estas la Esperanto de la sportista mondo"*. Eĉ unu fojon ke *„iam la Latino estis la Esperanto de la intelektularo"*.
Unu elstara aludo diris, ke *„La angla lingvo estas Esperanto de turismo."*! Plurfoje en humura programo ĉe BBC-radio oni diris ekzemple *„La Monda Servo de BBC estonte uzos ne 30 lingvojn sed nur Esperanton, por ŝpari monon."* Programo por amatoraj ĝardenistoj informas, ke internacia terminaro de Linneaus por plant-nomoj estas *„kvazaŭ ia formo de Esperanto, konata tutmonde"*.

**Oblikvaj aludoj**

Tiaj oblikvaj aludoj al Esperanto montras, ke la homoj kunligas la ideojn de Esperanto kaj internacia komunikado. Kiam temas pri internacia komunikado, plej facila klariga vorto estas ESPERANTO. Nova popmuzika grupo, esperante gajni internacian renomon, nomas sin *Esperanto*. Komikdesegna rolulo ĉe satelita televido havas „internacian" nomon *Esperanto*. Alia fikcia televida familio vaganta en Eŭropo bezonis neŭtralan titolon kaj nomis sin LA FAMILIO ESPERANTO.

**Ĵurnalistoj demandas nin**

Rezultoj? Ke ofte la ĵurnalistoj nun **sin turnas al ni** seninvite petante nian opinion pri lingvaj aferoj (Kion vi pensas pri ortografio? Ĉu ĝi estas pli facila en Esperanto?). Kaj demandas pri diversaj manifestacioj tra Eŭropo (Ĉu esperantistoj povas facile interkompreniĝi en la mondo? Ĉu vere ekzistas presitaj libroj en Esperanto?) „Mi verkas artikolon pri komunikado. Ĉu Esperanto povus helpi? Kion diris la afiŝoj dum la manifestacio en Moskvo?"
Ili petas, ĉu ekzistas gazetoj en Esperanto kaj miras ricevante gazetojn *Monato* kaj *El Popola Ĉinio* kaj *Literatura Foiro* aŭ *Espero el Koreio*. *Rokgazet'* kaj la diskoj de *Team* kaj *Kajto* ĉiam ilin ekscitas. Ili poste telefonas por ricevi ankoraŭ pliajn informojn.

**Favoraj artikoloj**

Sekvas ĉiam favoraj artikoloj en prestiĝaj ĵurnaloj *Guardian, European, Independent, Times* kaj aliaj. Sekvas prelegoj ĉe BBC-radio aŭ televido kaj pluraj lokaj stacioj.
Aŭtoroj foje aludas al Esperanto en libroj. Ekzemple s-ro Harry Harrison, kiu verkas porjunularajn librojn pri *Stainless Steel Rat*, uzas Esperanton en sia teksto, kaj donas la adreson de Esperanto-Asocio de Britio. En libro speciala por infanoj *Free Stuff for Kids* aperas senpage en ĉiu eldono reklamo plenpaĝa por Esperanto. Universitataj studentoj prezentas sian kvalifikigan tezon en temo pri Esperanto.
Dum diversaj lingvo-ekspozicioj, kiujn ni partoprenas (ni elektas nur la plej prestiĝajn - tial foje multekostajn), vizitas nin ĉiam radioreĝisoroj por registri la voĉojn de niaj deĵorantoj.

**Membro-nombro falas**

Rezulto? El la milionoj da legantoj, aŭdantoj kaj spektantoj, venas mil petoj ĉiujare pri plua informo. Plej granda parto de tiuj estas de infanoj. Plurajn milojn da senpagaj korespondaj lecionoj ni dissendas al tiuj inform-petantoj.

- Fina rezulto: La nombro de membroj de la Esperanto-Asocio de Britio senhalte falas!

Ĉu tio gravas? Ĉu ni laboras simple por gajni membrojn? Ĉu ni mezuras sukceson per la ciferoj en la EAB-kontlibroj? Ĉu vere gravus se la membronombro estus nulo kaj la asocio malaperus?
NE. Ne, se kontraŭe la homoj pli kaj pli aludas al Esperanto kaj konscias pri ĝi. Ne, se la homoj mem deziras uzi Esperanton. Kiam la „fina venko" venos, ne estos bezono de EAB kaj UEA. Ni strebas nun por gajni nian estingon, kaj tio estas unu el niaj ĉefaj celoj. Ju pli la homoj parolas pri Esperanto, des pli proksima estas nia neekzisto. Tiel devus esti! Tiam la homoj bezonantaj Esperanton eldonos siajn proprajn librojn, administros lernoskemojn, presos la proprajn lernolibrojn kaj vortarojn. Ni perdos direktadan povon de la lingvo, ĉar *La Movado* tiam ne ekzistos.

**Ni simple informu**

Inter nun kaj tiam ni simple disvastigu la scion, ke ekzistas la solvo de iliaj problemoj, kaj ni havas ĝin. Inter nun kaj tiam ni nur informu simple, sen tro detala blago pri sukcesoj, sen fikcia egigo pri la nombroj, eĉ ne fanfarono pri la literaturo. Ni ne dronigu niajn kolegojn per amaso da nepetita informo. Ili

petos plu post nia simpla interesigo. La homaro havas problemon kaj scias, ke ĝi havas problemon. Ni havas la solvon. Ni nun simple diru: *Jen estas la solvo: Esperanto, la internacia lingvo.*
Will GREEN

HELP-ORGANIZAĴO

## Gardisto de ĵurnalista libereco

**De la de oktobro 1992 oni kontraŭbatalas malobservojn kontraŭ gazetara libereco tutmonde el Vieno, kien translokiĝis la sidejo de International Press Instituto (IPI - Internacia Instituto pri Gazetaro). Ties nova direktoro estiĝis aŭstriano Johann F. Fritz [Fric], eksa afergvidanto de viena ĵurnalo *Die Presse*.**

Celo de IPI estas mondskala batalo por gazetara libereco: „Konstante okazas eventoj ie en la mondo - ĵurnalistoj estas agresataj, gazetoj estas cenzurataj, magazinoj estas malpermesataj kaj eldonistoj malliberigataj," eksplikis la nova direktoro Fritz. La forto de IPI konsistas en tio, ke informoj pri tiuspecaj malobservoj tuj estas komunikataj pere de pli ol 200 membroj en 68 landoj al la ĝenerala sekretariato de IPI.
Kontraŭ misuzoj procedas IPI poste „en trankvila diplomatio aŭ en publika protesto," raportas Fritz. La publika protesto vastiĝas de la komuniko al internaciaj inform-agentejoj ĝis rekta kontakto kun ĉiuj membroj. Ili estas gvidaj redakcianoj de ĵurnaloj, radiostacioj kaj inform-agentejoj, kiuj garantias koncernan disvastigon de la protesto de IPI en la tuta mondo.
IPI ankaŭ klopodas peri inter ĵurnalistoj el diversaj nacioj. Tiel oni starigis en la postmilita tempo ekz. kontaktojn inter germanaj kaj francaj ĵurnalistoj por stimuli reciprokan komprenon kaj malpliigi antaŭjuĝojn. Por Fritz evidentas, ke tiu strategio „en baldaŭa tempo denove povos esti aplikata" - konsiderante la etnajn konfliktojn ĉefe en landoj de eksa Sovet-Unio.

**Retrospektivo**

IPI estis fondita en majo 1951 en kunveno en Parizo, sidejo kaj sekretariato estis lokitaj tiam al Zuriko (Svislando).. Kulmino en la aktivadoj de IPI en la sekvaj jaroj estis helpo ĉe fondo de novaj gazetoj kaj ĉe kvalifiko de ĵurnalistoj en la tria mondo.
De 1964 IPI publikigas jar-raporton pri gravaj malobservoj kontraŭ gazetara libereco - World Press Freedom Review. Komence de la 70aj jaroj IPI fondis kun Inter-American Press Association t. n. World Press Freedom Commitee (WPFC, Monda Komitato de Gazetara Libereco), kiu en 1987 kun la Internacia Eldonista Asocio (FIEJ) publikigis *Deklaron kontraŭ cenzuro.* Jam du jarojn antaŭe IPI kaj Internacia Komitato de Ruĝa Kruco instalis „varmegan linion por ĵurnalistoj en danĝeraj misioj", kiu i. a. donas informojn pri malaperintaj ĵurnalistoj kaj helpon okaze de vundiĝo, malliberiĝo kaj ostaĝiĝo.
Krome IPI eldonas studojn kaj jurajn ekspertizojn pri leĝ-intencoj, „kiuj ne tute akordas kun la principoj de gazetara libereco". IPI subtenas precipe landojn en la tria mondo en kvalifikado kaj plua klerigo de ĵurnalistoj.
Evgeni GEORGIEV

## 82 mortigitoj

Malĝojiga rekordo: en la jaro 1992 entute 82 ĵurnalistoj estis mortigitaj dum plenumado de profesiaj taskoj. Laŭ protekta komitato Freedom House (liberec-domo) en Novjorko tiu ĉi jara nombro estas la plej alta en la statistiko, kiun oni kompilis la unuan fojon en 1934. Sole en eksa Jugoslavio mortis 27 ĵurnalistoj.

EŬROPA KOMUNUMO

## Zorgoj de eldonistoj

**La gazet-eldonistoj de l' Eŭropa Komunumo (EK) kun zorgoj rigardas al la planata Eŭropa Unio, kiun celas la Traktato de Mastriĥto.**

En la organo de l' germanaj gazet-eldonistoj *Die Zeitung* (La Gazeto), Alvin Sold, prezidanto de Komunumo de Asocioj de Ĵurnal-Eldonistoj (KAĴE), avertas pri kelkaj tendencoj.
Sold atentigas, ke en EK entute aperas 836 tagĵurnaloj (ĵurnaloj, kiuj aperas minimume kvarfoje en semajno) kun totala eldonkvanto de 5,6 milionoj da ekzempleroj. Meznombre laŭ tio en EK vendiĝas 218 ekzempleroj al mil loĝantoj. Sed estas grandaj diferencoj laŭ landoj: Francio 155 ekzempleroj por mil loĝantoj, Italio 119, Grekio 116, Hispanio 83 kaj Portugalio nur 39. La rekordon tenas Britio kun 376 ekzempleroj por mil loĝantoj, sekvas Danio kun 345, Germanio 341, Luksemburgo 317 kaj Nederlando kun 307. Jare oni por la ĵurnaloj bezonas, cetere, 6,7 milionojn da tunoj da papero.

**Nobla rolo**

Sold atentigas pri la aparta rolo de gazetaro en demokratio, kiu postulas plurismon ankaŭ en ĵurnalismo. Sed li plendas, ke EK ne volas agnoski ĉi tiun „noblan" rolon, traktas la eldonistojn nur laŭ ekonomia vidpunkto, ne donas privilegiojn. Per realigo de Eŭropa Unio li ne atendas pliboniĝon de la situacio, male timas la plioftiĝon de decidoj kun simpla plimulto en la EK-konsilantaroj kaj pli multajn kompeten-

tecojn kaj sekve pli grandan potencon de l' parlamento.

La nunan strategion de KAĴE Sold klarigas tiel: oni devas laŭeble frue influi planatajn leĝojn kaj preskribojn rekte en la EK-centralo en Bruselo, nur en tiu fazo laŭ li estas ŝanco de premgrupo, enkonduki modifojn. Tio eblas nur per bonaj argumentoj, li klarigas. Pro tio KAĴE ekde 1990 havas propran sekretariejon en Bruselo. Ke nur tiom malfrue KAĴE instalis reprezentejon tie, Sold klarigas per la certeco de l' membroj-asocioj, ke oni povus konvinki Bruselon helpe de naciaj registaroj pri la „rajto de gazetaro je specialaj kaj esceptaj reglamentoj". Sed tiu ĉi supozo estis malĝusta, konfesas Sold, ĉar intertempe multaj politikistoj faras nenion, referencante al la „fiaj bruselanoj", kiujn oni ne povus bridi. Apartan problemon Sold vidas en tio, ke en EK „gazetaro estas industrio kiel ĉiu alia ankaŭ, relative malgranda". Li atentigas, ke ĝis nun oni faris neniun specialan leĝon aŭ preskribon pri gazetaro, kaj ke pro tio KAĴE devas esplori ĉiun malneton de leĝpropono pri eventualaj sekvoj por eldonistoj.

### Aktualaj problemoj

Aktuale, Sold listigias tri problemojn de ĵurnal-eldonistoj en kadro de EK:

- Aldonvalora imposto (AVI): Principe KAĴE rifuzas entute impostojn por „opinikrea informado, kian disvastigas ĵurnalaro". Oni sukcesis malhelpi post longaj intertraktoj, ke EK forigas je la de januaro 1993 la nulan AVI-kategorion por gazetaro en la landoj, kiuj ĝis nun havas ĝin (Belgio, Britio, Danio), kaj atingis ke en la ceteraj landoj gazetoj havos plej malaltan AVI-kategorion. KAĴE tamen batalos por la nulkategorio en ĉiuj EK-ŝtatoj ekde 1996.

- Sendogana paper-importo: ĝi estas limigita EK-vaste al 600 000 tunoj jare (ĉe bezono de preskaŭ 7 milonoj da tunoj), por protekti paper-produktistojn ene de EK. Sed laŭ Sold preskaŭ ĉiujn tiajn entreprenojn intertempe aĉetis skandinavoj, kiuj nun ĝojas pri bona negocado, kaj por kanada papero la eldonistoj en 1991 unuan fojon devis pagi doganimposton de 9 %. KAĴE pledas por mondvasta sendogana komercado de papero.

- Malpermeso de reklamoj: EK jam decidis pri kompleta malpermeso de tabak-reklamoj en gazetaro - sed la tabak-industrio estis unu el la plej bonaj reklam-klientoj de gazetaro. KAĴE timas, ke nun sekvos malpermesoj pri aliaj produktoj (ekz. medikamentoj, ankaŭ tre grava skecio en kampo de reklamoj). KAĴE pledas por memkontrola instanco anstataŭ leĝaj malpermesoj.

### Timo pri Eŭropa Parlamento

Nun KAĴE havas novajn timojn: kreskantan potencon de l' Eŭropa Parlamento. Jam en la parlamento en 1992 oni diskutis pri propono por rezolucio, kiu temas pri koncentrado de komunikiloj kaj plurismo de opinioj. La papero postulas i. a. instalon de sendependa eŭropa konsilantaro por komunikiloj, kompletan travideblecon kaj publikecon de ĉiuj interplektiĝoj de komunikil-entreprenoj (do ekz. eldonejoj) kaj displektadon de multnaciaj konzernoj, krome ĵurnalisman kodon, kiu garantiu sendependecon kaj liberecon de ĵurnalistoj en ĉiuj komunikiloj. Sold avertas, ke sole en ĉi tiu parto de la teksto - sendependaj ĵurnalistoj - troviĝas konsiderinda kvanto de dinamito. Kvankam la aŭtoro ne diras tion rekte, ŝajnas ke KAĴE volas batali kontraŭ ĉi tiuj intencoj.

### Kies libereco?

Kion konkludi? Sold finas tiel: „La Eŭropo, kiun volas la eŭropanoj, bezonas liberan, plurisman, ekonomie sanan gazetaron." Inter la linioj oni povas legi, ke por eldonistoj la ĵurnalisma libereco estas tiu kaj unuagrade (aŭ eble nur?) tiu de l' eldonistoj, ne de ĵurnalistoj. Ili volas profiti, sed pretendas por si ĵurnalisman liberecon, kiu garantiu ekonomiajn privilegiojn. Certe, ĵurnalistoj precipe celas havi veran liberecon, ankaŭ sendependecon de eldonistoj - kaj en tio povas esti konfliktoj. Sed ankaŭ ĵurnalistoj scias, ke la nobla libereco de ĵurnalismo povas funkcii nur en ekonomie sana entrepreno, kiu garantias al ili kontentigan salajron.

Do ili ne estas tiel stultaj, ke ili ne komprenus la celon de eldonistoj: profiton. Kial do eldonistoj tiom insistas pri la tielnomata „tendenc-protekto", kiu vaste ekskludas rajtojn de sindikatoj en gazet-eldonejoj (precipe en Germanio)? Ĉu ne multe pli bona estus komuna gvidado de eldonistoj kaj redaktoroj en tiaj entreprenoj? Dum KAĴE ne agnoskas ĉi tiun komunan principon, oni devas esti skeptika, kiam eldonistoj parolas pri ĵurnalisma libereco

## Aromas reklamo

Kuriozan eksperimenton laŭ *Novaĵoj tamtamas* (gazeto de Jokohma E-Rondo) de januaro 1993 oni faris en Japanio. En ĵurnalo *Jomiuri* aperis reklamo, kiu aromas oranĝe, se oni frotas ĝin. La inko-kompanio metis mikrokapsulojn kun aromaĵo en la pres-inkon. Se oni frotas la presitan reklamon, la kapsuletoj rompiĝas kaj la aromo eliras. Kia perspektivo: ekzemple oni povus estonte miksi en raportojn pri koruptado iun fetoran kapsulon aŭ ĉe raporto pri gripo-epidemio menton ktp.
sm

kaj per ĉi tiu etika esprimo kaŝas krudan kapitalisman celon: ekonomian profiton.
Stefan MAUL

## TELEVIDO

# Novaĵ-servo 24-hora: Ĉu dezirinda, ebla?

**Turista novjara semajno en Romo ebligis al mi, finfine iomete konatiĝi kun la renoma 24hora usonlingva internacia kablonovaĵservo CNN (Cable News Network) - usona servo multflanke laŭdita ekz. dum la golf-milito en 1991 pro sia aktualeco, fidindeco kaj senantaŭjuĝeco.**

Apenaŭ eblas „recenzi" tagnoktan inform-kanalon post nur kelkhora, po-ioma spektado; tamen validas impresoj, ĉar pluraj ŝtataj kaj privataj televidaj kompanioj trempos aŭ jam trempis piedfingron en apenaŭ sonditan, ekskluzive novaĵaran maron - ĝenerale je nacia, ne internacia nivelo.
Per CNN informiĝas eksterlandaj usonanoj pri sia fora patrujo. Riceviĝas en 210 ŝtatoj de la mondo CNN-programoj: la servon abonas i. a. hotel-ĉenoj. Klare estas, ke CNN spegulas ĉefe usonan mondon: mondon de enlandaj politiko kaj sporto (ĉi-lasta abundas). Tamen ne neglektiĝas internaciaj aferoj: CNN-ĵurnalisto surscenigis ekzemple en norda Skotlando por raporti pri ekologia katastrofo kaŭzita de surrokiĝo de naftoŝipo.

**Elstaris**

Ne mankas - almenaŭ de unu vidpunkto - profesieco ĉe CNN. La novaĵeroj, komentoj, debatoj ĝenerale elstaris: ne senteblis ŝovinisme usona sinteno kiel ekzemple pasintece dum radio-elsendoj de *Voice of America* (Voĉo Usonana).
Tamen ŝanceliĝas profesieco koncerne erojn nenovaĵajn. Jen klaĉ-ĵurnala sensaciismo (serio pri amas-murdintoj); jen klaŭnecaj fuŝaĵoj (debatoj mezfraze tranĉitaj por enŝovi reklamon); jen superabundo de memlaŭdaj anoncoj („nia raportisto en ŝtato X scipovas kvin lingvojn"); jen simplaj eraroj (kriketo literumiĝas uson/anglelingve *cricket*, ne *crichet*; kaj kiel ĝene post streĉa, pensiga debato tute fuŝi la nomon kaj profesion de partopreninto). Oni emas diri ke, dum elstaras raportistoj, la teknikistoj kaj program-respondeculoj apartenas al dua, eĉ tria rango.

**Neceso**

Pli grava, tamen, ol televidaj ekvivalentoj de pres-koboldoj, restas kerna demando pri la neceso, la praktiko de tag-nokta novaĵ-kanalo. Fakte, malgraŭ propagando, CNN ne provizas 24horan, konstantan novaĵ-servon. Dum granda parto de ĉiu horo ne dissendiĝas novaĵoj: reklamoj, fanfaronado, sensaciismo kaj kompreneble sporto (kiomgrade sporto kalkuliĝas inter novaĵoj?) plenigas procentaĵon de ĉiu horo.
Kial? Ĉu la kostoj de vera, sensporta, senreklama novaĵ-kanalo troŝarĝus de financa vidpunkto ties mecenatojn? Plej verŝajne ... aŭ ĉu homoj, simplaj spektantoj, ne povus toleri sen sporta, reklama kaj similaj distriĝoj konstantan novaĵmarteladon? Ĉu do 24hora kanalo nure-pure novaĵa estas kaj restas ĥimero - malgraŭ la ekzisto de ĉiaj teknikaj trukoj? Ĉu do en nocio pri tia 24hora novaĵ-kanalo ne kuŝas iom da malhonesto?
Eble ... tamen fakto estas, ke CNN evidente provizas bezonatan servon por eksterlandaj usonanoj - kaj ĉi-kaze por britoj ne scipovantaj la italan. Interese estos, ĉu kaj ĝis kia grado aliaj nacioj imitos la usonanojn. Romo dum mia vizito plenplenis de japanoj: ĉu baldaŭ enĉambriĝos en hoteloj tra la mondo sama, japanlingva novaĵ-servo?
Paŭlo GUBBINS

## ĴURNAL-PROFILO

# Eksa modelo...

**En IĴ 4/92 ni raportis pri la klopodoj de germanaj ĵurnaloj, imitante la usonan modelon *USA TODAY* regajni abonantojn. Sed ŝajnas, ke la modelo jam ne plu validas...**

En la artikolo „Serĉo de nova ĵurnal-profilo" (p. 10/11) ni klarigis, ke germanaj eldonejoj kaj redakcioj i. a. volas atingi la celon per reduktado de artikol-ampleksoj kaj *infodistro*, do leĝera prezento de informoj seriozaj. Ĝuste kiel faras USA TODAY.

**Konsumado de amas-komunikiloj en Germanio**
averaĝa taga uzado (inkluzive de neuzantoj) en minutoj

| | |
|---|---|
| televido | 106 |
| radio | 98 |
| ĵurnaloj | 32 |
| libroj | 28 |
| revuoj | 20 |

Nun germana ĵurnalo *Die Welt* (La Mondo) en detala raporto pri la situacio de usonaj ĵurnaloj priskribas similan tendencon: ankaŭ tie kompreneble ĵurnaloj perdis precipe junularon al la konkuranta televido, do ankaŭ ili sekvas la modelon USA TODAY. Jam pli ol 400 ĵurnaloj uzas kolorojn kaj aperigas nur koncizajn, televid-konformajn artikolojn. ►

• Sed la modelo mem, USA TODAY, intertempe retroiris: ĝi denove aperigas longajn artikolojn, detalajn analizojn. La Welt-korespondanto kalkulis en unu sola numero ne malpli ol 27 artikolojn, kiuj havis inter 100 kaj 200 presliniojn kaj eĉ kvar artikolojn, kiuj havis pli ol 200 liniojn.
La redakcio sekvas konsilon de komunikad-profesoro Bill Kovach (Universitato de Harvardo): „Bona pakaĵo sola ne sufiĉas. Lojalan legantaron pordaŭre oni povas gajni nur per substanco kaj precizeco."
La raporto, cetere, informas ke en 1992 en Usono ekzistis nur 1586 ĵurnaloj kompare al 1745 dek jarojn antaŭe. Antaŭ 25 jaroj 73 elcentoj de usonanoj ĉiutage legis gazeton, hodiaŭ nur 52.
Stefan MAUL

TELEVIDO

## Malpli informema

**Ju pli multaj televid-kanaloj, des malpli spektantoj dediĉas sian tempon antaŭ la ekrano al informaj programoj. Jen plej novaj ekkonoj de televid-esplorado en Germanio.**

Michael Darkow [Miĥael Darkov] prezentis tiujn ĉi rezultojn kaj atentigis, ke entute pli multaj kanaloj tamen ne logas pli multajn konsumantojn: konstante en okcidenta Germanio konsumanto averaĝe spektas 161 minutojn tage, en orienta Germanio 199 minutojn. Sed kreskis la proporcio de serioproduktoj, filmoj, distrado kaj - reklamado.
Aktualaj inform-elsendoj konsistigas 5 % de l' totala programaro, 7 % konsumas ilin; politikaj magazinoj konsistigas 1,6 % de l' programaro, 3,4 % uzas ilin. Sed 45 % de konsumantoj dum la tuta tago spektas neniun inform-programon, 34 % unu. 65 % de junaj homoj ĝis 30jaraj tute ne spektas inform-elsendojn.
Interese estas ankaŭ, ke dum multaj jaroj tute ne ŝanĝiĝis la ĝenerala uzado de televido: 70 % enŝaltas siajn aparatojn, 30 % ne.
Katolika televid-fakulo kritikis la „fortegan negativan influon" de komceraj interesoj ĉe privataj televid-kanaloj. Laŭ li tiuj subpremas ĉion, kio ne alportas grandan kvanton da spektantoj kaj tute ne zorgas pri sociaj efikoj de programoj.
sm

**Televid-konsumado en okcidenta Germanio 1992 en %**

| | |
|---|---|
| 22,7 % | ARD |
| 22,7 % | ZDF |
| 7,9 % | 3aj programoj |
| 16,6 % | RTL |
| 5,9 % | PRO 7 |
| 12,1 % | SAT1 |
| 3,3 | TELE 5 |
| 8,8 % | aliaj |

ARD = kunlaborantaj publik-juraj televid-stacioj de l' federaciaj landoj en Germanio (1a programo)
3aj programoj = ties stacioj en la diversaj federaciaj landoj
ZDF = tutfederacia publik-jura televido (2a programo)

*La germanaj duonŝtataj (publik-juraj) televid-kanaloj* ARD *kaj* ZDF *kune nun allogas 53,3 % de spektantoj, ĉiuj komercaj kune atingis jam 46,7 %, inter ili sole la 2 unuaj* RTL *kaj* SAT1 *jam 28,7 %. La 3ajn programojn oni povas neglekti, cetere, en la batalo por pli multaj spektantoj, ĉar ili direktas sin precipe al kulture interesita malplimulto.*

## Profundefika televido

„Televido ne estas ĉiopova; sed ĝi montras tre profundajn efikojn. Televidaj bildoj kreis historion. Pri tio ne plu disputas komunik-sciencistoj." Tion deklaris germana televid-ĵurnalisto Joachim Wagner [Joaĥim Vagner]. Ĉe politikistoj li vidas grandskalan dependecon de televido kaj avertas: „Iun tagon televido povus decidi pri politiko." Televido estas, laŭ li, la komunikilo kiu atingas plej multajn homojn kaj estas plej kredinda, ĉar la socio sentas la lingvon de bildoj pli veraj ol la presitan vorton. Wagner konfesas, ke pro la konkurenco de privataj televid-programoj en Germanio, la prezento de politikaj temoj en la duonŝtataj televid-stacioj fariĝis „eksterordinare malfacila". gkp

INFORMADO

## Ne partopreni kaj tamen raporti

**Ĉu ĵurnalisto mem devas partopreni kunvenojn, seminariojn, kongresojn por skribi artikolon, raporton por siaj legantoj, aŭskultantoj aŭ rigardantoj de televido?**

Jes, estas la respondo, tamen eblas verki ankaŭ por neĉeestinto, se ni plibonigas kunlaboron inter ĵurnalistoj, kiuj partoprenas, kaj tiuj kiuj devis resti hejme. Helpe de telefakso nepartoprenantaj ĵurnalistoj povas skribi aktualajn kaj objektivajn artikolojn kaj informi siajn legantojn.
Ĝuste tiel mi agis somere 1992 antaŭ kaj dum la UK en Vieno.

Telefakse kaj letere mi kontaktis s-rojn S. Maul, N. Raŝiĉ kaj I. Durwael. Bedaŭrinde nur post la kongreso mi ricevis kongresrezoluciojn kaj unupaĝan tekston. Tamen, danke al mia multjara sperto, mi sukcesis verki artikolojn por legantoj de ĵurnalo Slobodna Dalmacija kaj aŭskultantoj de Kroata Radio/Radio Split. Krome mi publikigis la tagon de la UK-fermo informon en la vespera programo de televido *Marjan/Split*, kiu estas rigardata en pli ol duono de Kroatio. Kvankam la televido kutime ne publikigas informojn el aliaj regionoj sed nur el tiuj, kie ĝi estas videbla, ĝi dediĉis tri-kvar minutojn, dufoje en la vespero, al la kongreso, akcentante ties gravecon ĉar partoprenis ĝin homoj el la tuta mondo, kies oficiala lingvo estis nur Esperanto, kaj „ni esperu ke ĉi tiu lingvo fariĝos oficiala lingvo de Eŭropa Komunumo", kaj ke tute ne estas stulte atendi ke Esperanto kiel ponto inter la popoloj estos pli kaj pli uzata.

Davor GRGAT

# Tombejo de periodaĵoj

## Studaĵo pri Esperanto-gazetoj en Hungario

En studaĵo temanta pri la plej fruaj Esperantaj publikigaĵoj en Hungario, mi karakterizis la situacion dum la unuaj du jardekoj jene:

„... pluraj gazetoj ĉesis aperi post la unua numero, okazis ankaŭ ofte ŝanĝo de nomoj, sed la samaj homoj oficis kiel redaktoroj. Identaj aŭ similaj titoloj kaŭzas konfuzon por bibliografia referencado. Tiutempe periodaĵoj estis ne nur presitaj sed ankaŭ litografitaj, tajpitaj aŭ alimaniere multobligitaj. Neregule eldonitaj estis la malmultaj provincaj gazetoj."

Dum la lastaj dudek jaroj la historio de la Esperanta gazetaro en Hungario montris similan malstabilecon, malgraŭ tio, ke diference de la pionira periodo, ekzistis bone organizita landa Esperanto-movado, kiu ĝuis diversspecajn materialajn apogojn de oficialaj instancoj. Tamen, en tiu periodo la periodaĵ-merkato en Hungario konstante ŝrumpis. En la nuna artikolo mi priskribos la naskiĝon kaj morton de pluraj revuoj, gazetoj kaj bultenoj, ne en kronolgia kadro sed laŭ temaj kategorioj.

### Movadaj organoj

*Hungara Esperantisto* estis 16paĝa monata organo de Hungara Esperanto-Asocio (HEA) kun artikoloj en la hungara lingvo kaj Esperanto. Membroj de HEA ricevis ĝin kontraŭ pago de la jara membrokotizo. Ĝi informis precipe pri enlanda agado. En 1973 tiu revueto ĉesis aperi, kaj anstataŭis ĝin *Eszperantó Magazin* (vidu la sekvan sekcion), kiun anoj de la landa organizaĵo ne plu ricevis senpage sed devis aparte aboni. Tiel ne plu ekzistis publikigita ligilo inter la hungarlandaj esperantistoj.

En 1969 ekaperis *Budapeŝta Informilo* kiel tre modesta, stencilita monata oficiala bulteno de la Budapeŝta Teritoria Komitato de HEA. Ĝi rapide evoluis laŭ kvalito kaj amplekso por plenigi la vakuon lasitan pro la malapero de *Hungara Esperantisto. Budapeŝta Informilo*, kiu dekomence enhavis plejparte novaĵojn pri ĉefurbaj eventoj, baldaŭ transprenis la taskon informi pri la tutlanda Esperanto-movado kaj raporti ankaŭ pri esperantista agado en aliaj landoj. Fine, HEA transprenis *Budapeŝta Informilo*, por ke ĝi servu kiel ĝia organo, kvankam membroj de HEA devis aboni ĝin.

Post kelkaj jaroj estiĝis kriza situacio en la redakcio. HEA provis savi sian revueton, kaj ekde 1990 la formato ŝanĝiĝis al A4 kaj la aperofteco estis duonmonata. Anstataŭis la antaŭan redaktoron redakta komitato. Kvankam la nomo „Budapeŝta" restis en la titolo, oni aldonis kiel subtitolon la vortojn „Internacia Movada kaj Kultura Servogazeto". Bedaŭrinde, tiuj rimedoj ne malhelpis ĝian totalan fiaskon. Pli kaj pli malfruis la du monataj numeroj, kaj finfine, antaŭ ol ĝi povis kompletigi sian lastan jarkolekton, *Budapeŝta Informilo* subite malaperis.

Komence de 1991 naskiĝis nova revueto por pluporti la estingiĝintan torĉon de *Budapeŝta Informilo*. Ĝi estis *Hungara Informilo*, malpli impona, 12paĝa „informa gazeto pri Esperanto-Movado", kiu estis privata entrepreno de la redaktoro kaj ne havis oficialan apogon de esperantista organizaĵo. La abonkosto estis relative alta, se oni konsideras la magran enhavon kaj malaltan lingvonivelon. Kiel estis atendeble, tiu informilo same ricevis malfavoran sortobaton kaj ĉe la fino de sia unua jaro englitis en la abismon de forgeso. Nuntempe HEA provas solvi la problemon de kontaktoj kun siaj membroj per dissendado de sporadaj inform-cirkuleroj.

### Propagandcelaj periodaĵoj

En 1971 la prezidantaro de HEA esprimis deziron, ke *Eszperantó Magazin*, la nova hungarlingva periodaĵo, kiu anstataŭis *Hungara Esperantisto*, kiel eble plej baldaŭ enradikiĝu, kaj ke ĝi ricevu la estimon de la granda publiko. Efektive la evoluo de *Eszperantó Magazin* en la sekvaj jaroj montris, ke tiu espero estis senbaze tro optimisma, ĉar HEA trotaksis la valoron de hungarlinva propagandilo pri Esperanto. Cetere,

anoj de HEA seniluziiĝis, kiam estis decidite, ke ili ne ricevos la novan periodaĵon pro membreco en la organizaĵo, sed devos aboni ĝin aparte. Ĝuste tio estis grava mispaŝo, ĉar hungarlandaj esperantistoj sopiris al publikigaĵoj en Esperanto, ne en la hungara lingvo, do ili ne amase apogis *Eszperantó Magazin*. La nova revuo, kiu havis formaton A4, estis tipografie altkvalita kaj ilustrita per fotografaĵoj. Cetere estis eble aĉeti ĝin ankaŭ surstrate en gazetkioskoj tra la tuta lando.
Tamen, la ĝenerala publiko ignoris ĝin, do en la sekvaj jaroj HEA enkondukis modifojn. Unue, la nomo estis ŝanĝita al *Világ és Nyelv* (Mondo kaj Lingvo), ĉar HEA opiniis, ke la vorto Esperanto en la titolo povas havi negativan efikon, t. e. forpeli potencialajn legantojn kaj abonantojn. Poste, la redakcio donis al la magazino falsbrilaĵon, ornamante la kovrilpaĝojn per kolora fotografaĵo. Malgraŭ ĉio, la vivdaŭro de *Világ és Nyelv* estis limigita. En 1988 HEA devis konfesi, ke tiu propagandilo neniel sukcesis plivastigi la bazon de la hungara Esperanto-movado, kiu daŭre stagnis. Tiam ĝiaj nur 300 abonantoj pruvis, ke *Világ és Nyelv* ne plenumis sian membrovarban celon. HEA transdonis sian juran rajton eldoni periodaĵon al redakcio havanta neniun rilaton kun Esperanto, do ĝi ne volis propagandi ĝin en sia hungarlingva beletra revuo *Tekintet* (Rigardo).
Menciindas ankoraŭ unu miseksperimento „vendi" Esperanton per hungarlingva propagandilo. Temas pri ilustritaj jaraj volumoj, enhavantaj kolektaĵojn da artikoloj. Ili estis eldonitaj en la 1970aj kaj 1980aj jaroj sed ne ĉiujare. Ankaŭ malstabilaj estis la titoloj: en 1974 ĝi nomiĝis *Eszperantó Magazin Évkönyve* (Esperanto-Magazino Jarlibro); en 1979 la titolo fariĝis *Világ és Nyelv Évkönyve* (Mondo kaj Lingvo Jarlibro); antaŭ ol ĝi malaperis por ĉiam, ĝi havis la nomon *Világ és Nyelv Magazin* en 1982. Estas evidente, ke ĉiuj provoj de HEA disvastigi informojn pri Esperanto en hungarlingvaj periodaĵoj, estis malsukcesaj.

**Periodaĵoj pri literaturo kaj kulturo**

La ĉi-supre menciitaj periodaĵoj, kun la escepto de *Eszperantó Magazin* kaj *Világ és Nyelv*, estis relative modestaj bultenoj, kies celo estis informi legantojn pri eventoj en la hungara Esperanto-movado kaj, eventuale, ankaŭ aliloke en Esperantujo. De tempo al tempo aperis beletraj pecoj kaj prilingvaj artikoloj, sed la proporcio ne estis tre granda.
La plej sukcesa kultura kaj literatura revuo en Hungario estis *Hungara Vivo*, dumonata, grandformata, tipografie altkvalita periodaĵo, ilustrita per fotografaĵoj kaj grafikaj artverkoj. Krom beletraĵoj, originalaj kaj tradukitaj, aperis en *Hungara Vivo* ankaŭ artikoloj pri aktualaj politikaj temoj, la historio de Hungario, turismo, sporto kaj lingvaj problemoj. La revuo havis ankaŭ pagitajn reklamojn de hungaraj industriaj kaj komercaj entreprenoj.
*Hungara Vivo* sukcesis akiri vastan abonantaron ekster Hungario, sed tiu faktoro ne evitigis ĝian malaperon. La kialo estis ekonomia, pro la malboniĝinta ekonomia situacio en la ekssocialismaj landoj de Orienteŭropo, multaj legantoj tie ne plu povis aboni la revuon. Cetere, pro reorganizado de la ekonomia strukturo de Hungario, ne plu estis haveblaj subvencioj de registaraj instancoj kaj reklam-paĝoj por subteni la eldonadon. Post tri jardekoj da florado, *Hungara Vivo* fariĝis „Hungara Morto".
Foje iu asertas, ke *Hungara Vivo* estis „digna posteulo" de la fama *Literatura Mondo*, kiu aperis en la 1920aj kaj 1930aj jaroj. Tamen, objektiva analizo montras, ke la du revuoj neniel estas kompareblaj, ĉar ili diferencis laŭ enhavo kaj celo. Kiel ĝia nomo indikas, *Literatura Mondo* estis beletra revuo kun internacia temaro. *Hungara Vivo*, male, estis magazino, kies enhavo, laŭ la titolo, temis ĉefe pri Hungario. En la fruaj 1980aj jaroj oni parolis pri ankoraŭ unu provo revivigi *Literatura Mondo*, kiu apartenis al alia sfero.
Relative nekonata kvaronjara revueto estis *Opus Nigrum* (Nigra Afero), la organo de la Esperanto-Rondo de Sciencaj Studentoj en la Scienca Universitato „Lórand Eötvös" en Budapeŝto. Ĝi estis ilustrita kultura kaj beletra periodaĵo kun originalaj verkoj kaj tradukaĵoj, redaktita unue en la hungara lingvo kaj Esperanto; poste Esperanto estis uzata ekskluzive. Ĝia profilo estis same enigma kiel la latina titolo, vera strangaĵo por Esperanta periodaĵo. Kun eldonkvanto de 200 ekzempleroj, *Opus Nigrum* sukcesis elteni nur du jarojn (ok numeroj) en 1987 - 1988.

**Fakaj periodaĵoj**

La specialigita enhavo de fakaj

## Redaktoroj sen skribmaŝinoj

Ĉu vi posedas (kaj eble eĉ uzas) skribmaŝinon? Tiuokaze vi estas eksmoda ĵurnalisto! Moderna redaktoro tajpas nur per komputilo. Jen mia plej freŝa sperto: Komence de l' jaro mi elsendis formularojn por estonta TEĴA-jarlibreto al E-redakcioj; sur ĝi mi notis, ke nepre oni plenigu ĝin per skribmaŝino. Tamen preskaŭ ĉiuj formularoj revenis kun manskriboj. La kolegoj petis pardonon: ili ne plu havas skribmaŝinon... Iu ruzulo, por faciligi al mi la laboron, retajpis la tutan formularon per la komputilo, kun la petitaj indikoj. Oni do vidas kvalitan salton: progreso produktis regreson. *sm*

periodaĵoj limigas ilian abonantaron kaj legantaron kaj, sekve, ilian ekonomian bazon. Tiuj, kiuj funkcias kiel organoj de fakorganizaĵoj povas esti en pli bona situacio. *Sciencaj Komunikaĵoj* estis eldonita la unuan fojon en 1975 kiel jara, ilustrita kromkajero de *Budapeŝta Informilo*. En 1982 transprenis ĝian eldonadon Scienca Eldona Centro (SEC) de UEA en Budapeŝto. Tipografie ĝi transiris de tajpitaj al kompostitaj tekstoj, kaj estis planite eldoni 96-paĝan, kvaronjaran periodaĵon, kies apartaj numeroj estos dediĉitaj al specifaj sciencobranĉoj. *Sciencaj Komunikaĵoj* ĉesis aperi, kiam evidentis, ke SEC ne kapablis plenumi la taskojn, kiujn UEA donis al ĝi.

Ekde 1984 64-paĝa, trimonata periodaĵo pri komputerado, *Internacia Komputado*, estis redaktita de la membroj de la Komputista Grupo de HEA. Ĝia vivdaŭro estis nur tri jaroj. En 1987 anstataŭis ĝin *Fokuso*, same redaktita de la Komputista Grupo de HEA. *Fokuso* enhavis materialon el plej diversaj sciencobranĉoj, same kiel la antaŭa *Sciencaj Komunikaĵoj*, sed la plej ampleksaj rubrikoj temis pri komputerado. La rubrikon pri ekonomio prizorgis la Ekonomikista Grupo de HEA. Novaĵo estis publikigo de komercaj reklamoj, same kiel en *Hungara Vivo*, kiuj helpis kovri parton de la eldonkostoj. Kun la subtitolo „internacia komputado, scienco, tekniko, socio, eduko, ekonomio, naturo, medio", *Fokuso* fariĝis popular-scienca periodaĵo. Ĝi lamante aperis dum la sekvaj jaroj, sed la malbona ekonomia situacio en Hungario en la malfruaj 1980aj jaroj destinis por *Fokuso* la saman sorton kiel por aliaj hungarlandaj periodaĵoj. Kvankam pro sia enhavo, la sciencaj periodaĵoj ne estis nepre limigitaj al la enlanda legantaro, tamen ili ne sukcesis akiri firman lokon en la internacia merkato de Esperanto-revuoj.

*Hungara Fervojista Mondo* estas la kvaronjara organo de Fervojista Esperanto-Movado en Hungario, la plej forta kaj granda fakorganizaĵo de esperantistoj en la lando. Estas rimarkinde, ke tiu ĉi 16-paĝa, ilustrita, bone presita revuo daŭre aperis ekde sia lanĉo en 1957, antaŭ pli ol tri jardekoj. Tamen, en 1992 legantoj ricevis mornan sciigon, ke la revuo ne tro firme ruliĝas sur siaj reloj, do definitiva bremsado estas atendebla.

*Esperantologiaj Kajeroj*, eldonita de la Filologiscienca Fakultato de la Scienca Universitato „Lórand Eötvös" en Budapeŝto, estis redaktita de d-ro István Szerdahelyi kaj liaj studentoj en la Fako Esperanto-Lingvo kaj Literaturo kadre de la Katedro pri Ĝenerala kaj Aplika Lingvistiko. La enhavo ne estis strikte lingvistika; estis pritraktitaj ankaŭ beletro, propagando de Esperanto kaj pedagogiaj demandoj. *Esperantologiaj Kajeroj* neniel atingis la nivelon de la internacie renoma revuo *Esperantologio*. Ne estis informo pri la aperofteco de *Esperantologiaj Kajeroj*, kaj nur tri numeroj aperis, unu en 1976 kaj du en 1977.

**Provincaj periodaĵoj**

Ne malpli efemeraj estas la provincaj gazetoj kaj bultenoj, eldonitaj de departementaj organizaĵoj aŭ lokaj kluboj. La abonantaro estas tre limigita; sekve tiaj periodaĵoj havas malaltan eldonkvanton kaj tre modestan aspekton. La enhavo temas precipe pri lokaj novaĵoj, sed povas enesti ankaŭ materialo pri aliaj aferoj, eĉ beletro. Ili apenaŭ altiras atenton ekster la propra departemento, do ne estas facile akiri precizajn donitaĵojn pri ilia ekapero kaj ĉeso. Jen du ekzemploj.

*Legindaj Legaĵoj*, kiu havis kiel subtitolon „Cirkulero de la Esperanto-movado", estis eldonita de la Departementa Komitato de HEA en Tolna en suda Hungario. La enhavo sur ĝiaj 28 - 36 paĝoj estis varia. Ne estis indiko pri aperofteco. Mi ricevis du numerojn de 1986 kaj unu de 1987, kiam ĝi ĉesis aperi pro manko de financaj rimedoj. ►

## Eksperimento pri fals-informo

Eksperimenton faris bavara radiostacio, disvastigante fals-informon - sed la rezulto estas ne nur pensiga sed malĝojiga.

En sia kultur-ĵurnalo de 2a kanalo, kiun aŭskultas nur ĉ. 360 000 homoj, duonŝtata bavara radio informis, ke germana ŝtatprezidanto Richard von Weizsäcker [Riĥard fon Vajceker] en parolado pri Stalingrado neis ĉian germanan milit-kulpon. Ekkoninte sian mispaŝon, li demisiis... La radio-redaktoroj manipulis la elsendon krome per eltranĉoj de originalaj eldiroj de diversaj politikistoj, kiuj ŝajne komentis la mispaŝon de l' prezidanto.

„Ni volis akrigi la sensojn de l' komunikil-konsumantoj," klarigis poste parolisto de bavara radio. „Fakte ĉiu devus scii, ke ĝuste Weizsäcker ne faras tian paroladon." Sed, spite al tio ke komence kaj fine de l' elsendo oni klarigis la satiran intencon, ne malpli ol 100 telefon-alvokoj venis de homoj, kiuj kredis la informon vera.

La afero estas des pli malĝojiga, ĉar la aŭskultantoj de l' koncerna programo ja sendube estas erudiciuloj - la amaso ne sekvas kultur-ĵurnalon. Se eĉ tia elito akceptas fals-informon kiel aŭtentikan, oni povas unuflanke vekrii pri tio, sed aliflanke devas des pli forte insisti je ĵurnalista zorgemo kaj veramo en informado. En tio la ĵurnalista respondeco estas aparte granda.

sm

Unu el la unuaj periodaĵoj, eldonitaj post la dua mondmilito, estis *Sudhungara Stelo*, lanĉita en Gyula en 1946. Ĝi malaperis, kiam trafis la hungaran Esperanto-movadon „la granda silento" de la stalinisma periodo. Lastatempe, en 1991, estis anoncita la renaskiĝo de tiu revuo kun iom modifita nomo *Sudhungarlanda Stelo*. Estis plano aperigi ĝin ses fojojn en la jaro, sed mi scias nur pri la unua numero - en la hungara lingvo!

**Konkludo**

La ĉi-supra priskribo ne celas kompletecon rilate la historion de periodaĵ-publikigado en Hungario dum la lastaj du jardekoj, ĉar certe multaj donitaĵoj ankoraŭ mankas. Ĉiuokaze, la prezentitaj atestaĵoj pravigas sen ombro da dubo la titolon de tiu ĉi studaĵo; Hungario ja estas tombejo de Esperantaj periodaĵoj.
Estus interese entrepreni komparan esploron pri publikiga agado en aliaj landoj dum la samaj dudek jaroj por ekscii, ĉu la hungara historio estas unika, aŭ ĉu ankaŭ aliloke estis eldonitaj samkvante nevivkapablaj periodaĵoj, kiuj same post relative mallonga ekzisto, formalaperis. Ĉu la kialoj dependas nur de enlandaj faktoroj aŭ ĉu la malstabileco de periodaĵ-publikigo estas malfavora antaŭsigno de dekadenca tendenco en la tutmonda Esperanto-kulturo?
Bernard GOLDEN

# LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

## Bernard Golden akuzas sin mem

**Pri la letero de *Bernard Golden* „Atenco kontraŭ la ĵurnalisma etiko" en IĴ 1/93 skribas s-ro *Canko Murgin*, Bulgario:**

Estas pozitiva fakto, ke s-ro Golden invitas, ke membroj de TEĴA pridiskutu la aferon sur la paĝoj de IĴ. En sia trafa komento s-ro Stefan Maul eksplikas, ke kulpulon oni povus eksigi, se ekzistas propono. Minimume, la kulpulon oni devas riproĉi per morala verdikto. Tio estas logika, modera, akceptebla kaj kontentiga!

**Rusa aŭ pola kuracisto?**
Ekde komenco kaj dum longa periodo (1887 - 1904) Zamenhof estis „rusa" kuracisto. Li mem eksplikis (1905), ke en sia 10a jaraĝo li revis fariĝi rusa poeto kiel A. Puŝkin (kiu devenas el familio fondita de afrikano kaj rusino). En gimnazio (1874 - 1879) li lernis en rusa lingvo. En la universitatoj de Moskvo kaj Varsovio li studis (1879 - 1885) en rusa lingvo. Ne nur tio. La rusa lingvo estis hejma lingvo de Zamenhof-familio. Nur en tiu senco Zamenhof estas *„rusa" kuracisto.* Sed li estis ankaŭ io duoble pli.
Poste Zamenhof fariĝis *„pola" kuracisto.* Li estis naskita en pola urbo Belistoko, kiu kontraŭnature estis ekster Pola Reĝolando kaj administre apartenis al *Litovio* (Grodno-gubernio). Sed atentu, la nomo de „Polio" estis *Pola Reĝolando kaj Litovio.* En 1873, Zamenhof-familio migris al *Varsovio, la koro de pola nacio.* Fine de 18a jc. (1795) la Pola Regno estis nuligita kiel suverena ŝtato kaj dividita je tri partoj. Granda *Polio* apartenis al Prusio, Malgranda *Polio* (Galicio kun Krakovo kaj Lvovo) al Aŭstrio, kaj Pola Reĝolando (kun Varsovio) al Rusio. Vere, malaperis la pola ŝtato, sed ekzistis pola nacio, kiu memorigadis pri si al Eŭropo per la ribeloj (1831, 1863, 1905) kaj per multaj polaj revoluciuloj tra tuta Eŭropo.
Ekloĝante en Varsovio, Zamenhof *pli ofte* aŭskultadis polan lingvon tra la stratoj, dum kunvenoj kaj ekskursoj, tra la kamparo, kie ĉiun someron la familio ripozadis en vilaĝo apud Varsovio. Dum la rusa-japana milito la popolo kaj la minoritatoj de Rusio ricevis kelkajn pliajn homajn rajtojn (1904 - 1905). Tiuj rajtoj plimultiĝis pro la premo dum la unua rusa revolucio (1905 - 1907). Kreskis la rolo de pola lingvo, *libera* fariĝis ankaŭ la

## Legemo malkreskas

La nombro de analfabetoj en Germanio jam atingas milionojn - kaj kreskas konstante. Pli kaj pli multaj homoj, kiuj lernis legi kaj skribi en la lernejo, perdas ĉi tiun kapablon dum la postaj jaroj pro nesufiĉa uzado. Pri tio atentigis aferŝarĝito de Fondaĵo Legado, Hilmar Hoffmann, dum 2a Internacia Kongreso pri Ekologio de Komunikiloj, aŭtune 1992 en Majenco (Germanio).
Laŭ li la akcelado de legado fariĝas pli kaj pli grava pro la kreskanta disvastiĝado de elektronikaj komunikiloj (precipe televido). Ekologio de komunikiloj - jen nova nocio, kiu postulas konscian uzadon de komunikiloj, simile kiel oni akcelu konscian konduton en medi-protektado ĝenerale.
Fondaĵano Bodo Franzmann [Francman] atendas konsiderindan reduktiĝon de legado dum la venontaj jaroj en Germanio. Kvankam la librokomerco dum pasintaj jaroj vendis eksterordinare bone, esploroj montris ke nur la legemuloj (triono de la loĝantaro) kreskigis sian libro-konsumadon. Kontraste oni registris precipe ĉe junaj homoj, kiuj legas nur okaze aŭ neniam, regreson de legintereso. Sciante pri la evoluo en Usono, kie la degenerado de legado sekvis mortado de gazetaro, oni devus tre serioze observi ĉi tiun evoluon. Franzmann: „Ni havos pli kaj pli usonajn cirkonstancojn kun ĉiuj konsekvencoj." sm

*uzado de litova lingvo.* Do, ekde la periodo 1904 - 1907 Zamenhof fariĝis *„pola" kuracisto.* Ĉirkaŭ tiu periodo li estis jen „rusa", jen „pola" kuracisto, sed ekde 1907, post la parolado de Zamenhof en Londono la esperantistaro komprenis, ke Zamenhof estis *„litovia" kuracisto.* Danke al la ricevita libereco li konfesis tion, kion li profunde kaj daŭre *kaŝis en sia koro*: „Vi staras antaŭ miaj okuloj, mia kara Litovujo, mia malfeliĉa patrujo, kiun mi neniam povas forgesi, kvankam mi forlasis vin kiel juna knabo... Ho, patriotismo, patriotismo, kiam fine la homoj lernos kompreni ĝuste vian sencon!" Tiu sincera konfeso de Zamenhof devas esti konsiderata en sia tuteco. Tio signifas, ke kune kun la oficialaj „rusa" kuracisto kaj „pola" kuracisto, Zamenhof - kvazaŭ en ombro - sin sentis *„litovia" kuracisto.*

En la jaro 1939, Belistoko apartenis provizore al Sovet-Unio. Tiam, por nelonga periodo oni ekparolis, ke Zamenhof estas „rusa" kuracisto kaj en ombro oni sentis pli ol antaŭ apero de esprimo „litovia" kuracisto.

B. Golden nun plendas por enkonduko de ne menciita kaj ne uzata ĝis nun esprimo *„juda" kuracisto.* Tio ŝajnas al mi ne akceptebla. Zamenhof zorgeme kaŝis sian judecon. Nur dufoje li konfidis al amikoj (1901, 1905) sian judan devenon. Krom tio, en junaĝo, dum tri jaroj kaj duono (feb 1882 - aŭg 1885) li estis cionisto.

En la jaro 1897, Zamenhof estis invitita membri al cionisma organizo, sed li rifuzis. En 1914, Zamenhof estis invitita al konstitua kunveno de Hebrea Esperanto-Ligo. Zamenhof ne nur rifuzis, sed krome kredigis al la invitantoj, ke li preferas labori per internaciismo por la tuta homaro, inkluzive por sia hebrea gento, ĉar tiam la pozitivaj rezultoj estos konsiderinde pli grandaj, inkluzive por la hebreoj ol se li agados nur per cionismo.

Tamen, ekzistas *kruela fakto*, kiu ordone devigas nun repripensi la Golden-proponon pri uzado ankaŭ de la nocio *„juda" kuracisto* ne anstataŭ la aliaj (rusa, pola, litovia kuracisto), sed apud ili, en konvenaj okazoj. Temas plejparte pri tio, ke post la venko de Germanio super Pollando (en sep 1939), homoj el germana sekurec-servo *ekstermis preskaŭ la tutan familion de Zamenhofoj* (1939 - 1941). Savita estis nur Wanda - bofilino de Zamenhof - kaj ŝia fileto, danke al la senlima solidareco de ĉefurbaj poloj, kiuj konis ŝin „kuracistino de Varsovio" de antaŭmilita periodo.

Kaj tamen, se vere estas necesa ankaŭ komuna nocio apud tiuj kvar apartaj kaj konkretaj, oni povus ekuzi la nocion *„komunehoma" kuracisto.*

Eble iu raciulo sincere ekkrios en protesto: Kial tiom da komplikeco? En nia kazo la komplikeco ne estas elpensaĵo. Ĝi venas el la diversaj etapoj de Zamenhof-aj vivo, agado kaj laborado. Tiuj kvar konkretaj kaj unu ĝeneraliga nocioj de *kuracisto* estas egale necesaj por eviti palecon, monotonecon, formalecon kaj senkorecon en la bunta vivo de Zamenhof. Nur per precizaj nocioj oni povas atingi adekvatecon inter la reale vivita vivo kaj la starigota biografio (konciza kaj ampleksa) de Zamenhof.

**Kiu kiel ĝeneraligas?**

Golden kritikas s-ron Stepanov pro uzo de la esprimo „hebreoj strebas ĉien enŝovi sian judecon". Li kulpigas s-ron Stepanov, ke (per uzado de pluralo) tiu faras ĝeneraligon por inkludi ĉiujn hebreojn (de Rusio). Fakte ĉe Stepanov *mankas* ĝeneraligo. Ĝeneraligo estas *trovebla kaj trovata* ĉe Golden. Tiu asertas, ke „hebreoj" *implicas* ĉiujn hebreojn. La kvanta enhavo de „hebreoj" estas simpla pluralo de „hebreo". Sekve, „hebreoj" egalas al (a) pli ol unu, (b) du, tri ktp., (c) kelkaj, pluraj, dekoj da, centoj da ktp., sed neiam egalas al „la hebreoj", al „ĉiuj hebreoj". Stepanov parolas pri „hebroj", sed ne pri „la hebreoj". La supozo de Golden, ke diritâ de Stepanov „hebreoj" egalas al „la hebreoj" estas senduba eraro. Sur tiu *falsa* bazo Golden kritikas s-ron Stepanov. La kritiko *celas pruvi*, ke Stepanov estas *antisemito.* La falsa akuzo ĉiam restas falsa, sendepende, ĉu la ordinara esperantisto rimarkas la *falsecon aŭ ne.* S-ro Stepanov ne estas antisemito, judo-fobiulo!

**Kia kulpo de la redaktoro?**

La redaktoro s-ro Koppel ricevis materialon en Esperanto de N. Stepanov, legis kaj aprobis ĝin kaj sekvis aperigo. Iom poste li ricevis la nun traktatajn tezojn de B. Golden, rimarkis la falsecon de la kritiko. Sekvis malaprobo por aperigo de tiu „alia" flanko. La redaktoro estas respondeculo pri aperigo aŭ ne de ĉiu ricevita materialo. La redaktoro havas propran sistemon pri aprobo de artikoloj por aperigo. Sed kiam li konstatas malbonintencon, falsaĵon aŭ mensogon li rajtas kun pura konscienco *meti flanken* aŭ *ĵeti paper-korben* maldecan tekston. Kaj eventuale li skribas eksplikan leteron al la ignorita aŭtoro.

**Malsana Petro Stojan**

La malsana Petro Stojan aperigis en 1929 sian Bibliografion de Esperanto. La Sana Sanulo ankoraŭ ne aperigis sian daŭrigon al la menciita bibliografio. La kontribuo de Petro Stojan al la internacia E-movado estas *monde* konata. Li ne meritas klaĉon, riproĉon, ofendon, nepruvite lanĉitajn. Ni atendas sciencan artikolon de li pri Petro Stojan. Kaj tamen: Dum Lazaro lernis kaj studis, lia nomo estis *Lejzer.* Kiam kaj kial okazis tiu metamorfozo? Kiam kaj kiel aperis la nomo *Ludoviko*, kiu forpuŝis en iu periodo la nomojn Lejzer kaj Lazaro? ►

## Imitu la ekzemplon

**Pri la raportoj pri la TEĴA-kunveno en Vieno skribas *Krestj Karucin*, Bulgario:**

Estimata prezidanto, mi frande legis en IĴ 4/92 la informojn pri asocia fakkunsido en Vieno. Mi sentas kontenton, inspiron. Jen la ĝusta vojo de TEĴA. Mi alte aprezas vian personan kontribuon pri la revigligo. Mi elkore gratulas vin. Nun bezonas, ke ĉiuj estraranoj kaj aro da ordinaraj membroj imitu vian ekzemplon de inicato kaj persisto. Eble tasko de ĝenerala sekretario aŭ de alia estrarano estas elserĉi tramonde esperantistajn ĵurnalistojn (redaktorojn kaj redakcianojn de Esperanto-periodaĵoj, diversajn adresarojn aŭ anoncojn, en kiuj oni mencias la ĵurnalisman profesion) por afable inviti ilin al aliĝo. La eldonota inform-kajereto tre helpos tiurilate.

Mi esperas, ke speciale por Bulgario la konsento por memstara fikso de la membrokotizo laŭ la lokaj kondiĉoj sekvigos baldaŭan renovigon (refondon) de landa TEĴA-sekcio. Mi laŭ miaj fortoj kontribuos al tio.

Mi permesas al mi denove pledi por pli da materialoj en IĴ rilatantaj esperantistan ĵurnalismon. Kun intereso oni legus skizojn pri iamaj signifoplenaj aŭ pli modestaj Esperanto-periodaĵoj (L'Esperantist, Lingvo Internacia, La Revuo, Juna Esperantisto, Literatura Mondo, Norda Prismo, Nica Literatura Revuo k. c.), pri eminentaj esperantistaj ĵurnalistoj (Th. Cart, P. Lengyel, P. Fruictier, K. Kalocsay k. c.). Kompreneble la pli proksima sekvo de la kurantaj Esperanto-periodaĵoj tenos la intereson (tion ja jam oni faras).

## Libereco de kredo

**YAMASAKI Seikô, Japanio, skribas:**

**Mi pensis, ke la klaŭzo en la etika kodo pri religio estis forigita rezulte de kontraŭaj opinioj ĉe la kunsido de TEĴA en Vieno, sed kiel oni vidas en n-ro 1993/1, evidente tiel ne estas. Mi pledas ke la estraro respektu la ĝeneralan volon de la membraro. Se mi diras: „Dio ne ekzistas", tio ofendas la religian senton de la kredantoj. Tamen socio en kiu tiu aserto estas malpermesata, estas por mi neeltenebla; tio signifus retroiron al la mezepoko. Se la libereco de la kredo ne estas komplementata de tiu de la kontraŭreligia propagando, ĝi estas difekta.**

---

# METIEJO

**PRAKTIKAJ kaj UTILAJ AFEROJ**

## Peto al redaktoroj

**Gravan peton havas *Mila v. d. Horst-Kolinska*, Nederlando, al redaktoroj. En *Eventoj* 12/92 aperis jena „Alvoko al redakcioj de E-revuoj":**

Ĉu vi permesas, ke mi proponu etajn plibonigojn por via revuo? Jen ili:

◆ a) aperigu la informon ekz. „revuo fondita en la jaro ..." aŭ „aperas ekde ... ĉiumonate" aŭ ... (aldonu la ritmon de aperado).

◆ b) numerigante la paĝojn aldonu: nomon de la revuo (gazeto), numeron kaj monaton, simile kiel faras la revuo *esperanto* aŭ *Heroldo*.

Tio necesas kiel informo, se oni fotokopias iun el la artikoloj. Multfoje aperas fotokopioj SEN tiu informo, kiun oni forgesas aldoni manskribe. Al fotokopiado de artikoloj mi instigas e-instruistojn por progresigaj kursoj, kiel la plej aktualan kaj interesan instru-materialon.

La supraj proponoj estas en la intereso ankaŭ de la redakcioj.

## Konsiloj de sperta redaktoro

Ni depresas apude artikolon, kiun aperigis TEĴA-membro kaj redaktoro *Philippe Cousson* en *Dia Regno* de aŭgusto 1992. Escepte de kelkaj petoj kaj postuloj, kiuj koncernas rekte tiun gazeton, ŝajnas al ni ke liaj valoraj konsiloj validas por ĉiuj verkemuloj.

Pri la uzataj terminoj: En la kadro „Apudaj elementoj" aperas la vorto *legendo* en la signifo *bildklarigo*. Evidente ĝi estas falsa amiko; ankaŭ en germana lingvo, ekzemple, oni parolas pri *Bildlegende*. Tamen la E-vorto klare indikas, ke tia uzo ne eblas.

La termino *ĉapelo* estas prenita el franca ĵurnalista ĵargono. Se ni ĝuste komprenas, temas pri speciala subtitolo. Kial ĉapelo tamen sidas ne plej supre, restas iom enigma afero. sm

**Apudaj elementoj**

Ilustraĵo, bildo, devas esti sufiĉe interesveka, ankaŭ la legendo. Sed ĉefe, ĝi devas havi rilaton kun la temo de la artikolo. Kvankam, ĝenerale, oni diras ke ĝi ne devas ripeti tion, kio troviĝas en la ĉefa teksto.

Apudaj tekstoj, en kadroj ĝenerale, estas ankaŭ tipoj de ilustraĵoj ne bildaj. Ili estas aŭ tekstoj de alia aŭtoro, pri la sama temo, aŭ partoj, kiuj estas pli utilaj ekster la ĉefa teksto, ol ene de ĝi. Tio okazas, kiam ili rompus la planon de la teksto, aŭ alportas kroman informon, kiun cetere kelkaj jam konas, aŭ detalon, klarigon pri specifa punkto, aludita en la teksto. La rezulto estas malpezigo de la ĉefa teksto, foje allogo de la leganto (okazas ke nur la apudaj tekstoj estas legataj), kaj donas varian aspekton al la paĝoj.

# Io por legi

## Redaktora bileto kvazaŭ raporto, aŭ raporto kvazaŭ redaktora bileto

**Ĝenerale, tiu kiu verkas verkas por ke oni legu ties tekston.**

Lia celo do estas, ke tuj oni interesiĝas pri lia teksto. Sed pro tio, tiu teksto devas **rapide** liveri informojn. La eventuala leganto, kiun oni volas allogi, devas **tuj** kompreni pri kio temas, kaj preskaŭ same scii kion oni diras pri tio.

### Kiu legas?

Teksto, por aperi en revuo, estas unue legata de... la redaktoro. Do, kiam vi verkas, vi devas unue konvinki lin, ke li ne flankenlasu vian verkaĵon, ke li ne atendu pli liberan momenton por pli funde ekzameni ĝin. Vi devas veki lian atenton, kaj ne per aparta letero. Li jam havas sufiĉe por legi.

Post la aperado, la artikolo, artikoleto, letero, ktp. estas antaŭ la okuloj de la celata leganto. Same, via teksto devas allogi. Ĝi devas konvinki la leganton, ke indas komenci la legadon, ĝisfine legi, ke valoras la penon iom pripensi ĉi tiun temon, ke eblas prave eĉ foje ŝanĝi la opinion.

### Rimedoj

Kio unue aperas ? Kio estas unue legata? Evidente, la titolo. Kiam ĝi ekzistas, ankaŭ la ĉapelo. Poste ankaŭ la intertitoloj.

Kiam la leganto alkroĉiĝis, allogiĝis, li rapide trapasas la tekston, kaj de tio venas alia grava regulo. Por rapida trapaso, la teksto devas havi etapojn, t.e. paragrafojn, alineojn. Kaj, en ĉiu paragrafo, oni devas trovi **tuj en la unua frazo**, se ne en la unuaj vortoj, la temon mem de la paragrafo. Tiu ĉi paragrafo estas ĝuste malbona ekzemplo, kiun mi korektis, uzante tipografian rimedon. Do, en bona paragrafo, la ĉefa punkto troviĝas en la komenco, kaj poste sekvas klarigoj, detaloj, ekzemploj, ktp., kiun oni detale legas en kazo de intereso.

Grava por teksto estas tio, kio troviĝas **apud** ĝi : la ilustraĵoj, la apudaj tekstoj.

Kaj ni povas nun paroli pri foje bagatelo, nome la ĉefa teksto, la artikolo mem. Kompreneble, ĝi devas esti bone konstruita. Sed, antaŭ ol verki, vi devas unue forgesi preskaŭ ĉion, kion oni instruis al vi en la lernejoj pri verkado de disertacioj. Ĉar artikolo estas io tute alia. Fakte, la ordigo de la ideoj devas estis inversa: de la ĉefaĵoj al detaloj, de la tezo al ekspliko. La konkludo devas aperi unue. Se leganto devas legi ĉion antaŭ ol kompreni kion vi volas diri, li haltos jam tro frue.

Via unua paragrafo, via enkonduko, devas allogi, alkroĉi la leganton, per trafa kazo, per ĝusta citaĵo, per pinta provoko. Kaj la intereson vi ne devas lasi foriri en la cetero de la teksto.

En via lasta paragrafo, en la konkludo, vi devas redoni (redoni, ĉar ĝi estas jam indikita, eĉ plurfoje) la ĉefan punkton, la tezon de via artikolo. Evitu doni en ĉi tiu parto direkton, kien vi poste ne iros. Evitu fini per demando sen respondo. Escepte eble, se la respondo ŝajnas evidenta, kaj se vi volas fari el la leganto vian komplicon.

---

**Tuj legeblaj**

La aperanta vizaĝo de paĝo en revuo estas la diversaj tekstoj en tre bone videblaj literoj: titolo, intertitoloj, ĉapelo.

Kutime sed ne ĉiam, ilin ne verkas definitive la aŭtoro de la artikolo mem, sed la redaktoro, aŭ la redakcia sekretario.

**la titolo**

Evitinda estas la t.n. **malplena titolo**. Tio estas titolo kiu indikas nenion, eĉ ne la temon. Evitinda same estas la **kava titolo.** Ĝi indikas la temon, sed nenion pli, do ne kion oni diras pri ĝi. Bona titolo estas la **plena titolo**. Ĝi indikas la temon, kaj kion oni diras pri ĝi.

| | |
|---|---|
| **Ruinoj**: | malplena titolo |
| **Situacio en Bosnio**: | kava titolo |
| **Trihora paŭzo permesis helpon**: | plena titolo |

**la ĉapelo**

Ĝi ne estas la enkonduko. En ĝi oni redonas la esencan enhavon de la artikolo. Tiel, tiu kiu bezonas simplan rapidan informon trovas ĝin. Tiu, kiu volas detalojn, klarigojn legu la artikolon mem. Ĝi aperas sub la titolo, antaŭ la vera teksto, en iom pli grandaj literoj, foje super pluraj kolumnoj.

**la intertitolojn**

Ili povas esti el du kategorioj.

La plej klasikaj estas titoloj de paragrafoj, de grupo de paragrafoj, de kvazaŭ ĉapitroj.

Alia tekniko estas aerumi la tekston per frazelementoj prenitaj el ĝi, kaj presitaj pli dike. Tiuj elementoj estu kompreneble trafe elektitaj, por kaj indiki la enhavon, kaj allogi la legadon.

**redaktora laboro**

Kiel vi vidas, tio postulas de la redaktoro, aŭ de la redakcia sekretario multan laboron. Mi ne ĉiam havas la tempon fari ĉi tion por Dia Regno. Helpu min per jam preskaŭ pretaj artikoloj, kun apudtekstoj, ilustraĵoj, paragrafoj, titoloj.

Mi denove indikas, ke tial mi ne havas tiom da tempo por respondi leterojn. Se vi atendas respondon, pacience esperu! Ĝenerale evitu skribi al mi pri ligaj aferoj. Sufiĉas la leteroj pri redaktado kaj la manuskriptoj.

P.C.

---

Laste, por helpi, konvinki la redaktoron, vi bone prezentu vian manuskripton. Kiam teksto estas apenaŭ legebla, aspekte konfuza, ĝi preskaŭ certe ne estas tuj aperonta. Kaj pensu ke bona lingvaĵo bone helpas en tio.

### Valoras la penon

Kiam vi verkas, pensu, ke vian tekston aliaj legos, espereble, kondiĉe ke vi bone pretigu vian verkaĵon. Tiam, kion vi havas por diri, tio estos konata de aliaj. ■

Philippe Cousson

# PERSONE

**Ĵak LE PUIL**, redaktoro de „La Kancerkliniko", kun **Jean-Pierre DANVY**, kiel ties ĉefkompilintoj en Parizo prezentis la novan grandan franc-Esperantan vortaron. Ĝi havas sur 940 paĝoj 32 000 kapvortojn.

**Gian Carlo FIGHIERA** gvidos la gazetaran servon dum la ĉi-jara UK en Valencio. Li laboris dum multaj jaroj profesie en Hispanio; estis tiu tempo, kiam *Heroldo de Esperanto*, redaktata de lia edzino **Ada FGHIERA-SIKORSKA**, venis el Madrido.

**Stefan MAUL**, redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" plendas, ke por ĉi tiu rubriko **Persone** li devas serĉi informojn en plej diversaj fontoj, E-revuoj, kaj ke neniu membro informas mem pri si aŭ alia esperantista ĵurnalisto, kvankam ja sendube personaj aferoj estas inter la plej interesaj. Se vi opinias same, bonvolu subteni la redaktoron de IĴ per alsendo de koncernaj informoj!

# REVUO de revuoj

**NORVEGA ESPERANTISTO**
organo de Norvega Esperantista Ligo (NEL) estis trafita de ŝtelrompo en la oficejo de NEL, pro kiu la redaktoro ne plu disponis pri komputilo. Sekve la revuo aspektis nekutime, i. a. ĉar la E-supersignoj estis mislokitaj. Ni deziras kaj esperas, ke kompatinda redaktoro Douglas DRAPER baldaŭ povos labori denove normale.

**RUSLANDA ESPERANTISTO**
regule aperigas liston de datrevenoj. En n-ro 1/93 en tiu ĉi listo ankaŭ aperas la fondiĝo de TEĴA en 1948 kun la mencio, ke tio okazis antaŭ 45 jaroj. Ni ne estus rimarkintaj tion, tamen oni ja ne kutimas festi 45an datrevenenon ... do ni atendu ĝis la 50a.

**AVANCO**
organo de Kuba Esperanto-Asocio pro ne difinitaj problemoj ne aperis en 1992; anstataŭ kvar numeroj venis jarfine (al Eŭropo komence de 1993) nur unu sola kajero 1-4'92. Tamen, en ĉefartikolo titolita „Venke, bonpaŝe kaj malkrokodile!" lumas optimismo kaj energio. Oni informas, ke la asocio nun havas sidejon, kie ankaŭ povas loĝi 12 gastoj.

**FENOMENO**
organo de la Federacio de Esperanto-Organizoj en Nederlando, en n-ro 3/93 aperigis *reagon al „malferma letero"*. Evidente malmultaj esperantistoj kaj - bedaŭrinde - redaktoroj scias, ke ĉi-okaze temas pri **publika letero**. Kion ja *malfermu* letero? (Certe ne kongreson...)

**LA KANCERKLINIKO**
en sia serio LA KANCERKLINIKOTEKO aperigis kajeron pri pra-Esperanto „Lingvo universala". Rikardo CASH ellaboris ĝin. La kajero kostas 25 francajn frankojn.

**ESPERANTO**
organo de UEA, en n-ro 1/93 aperigas detalan artikolon pri informado kaj eksteraj rilatoj de estrarano Mark FETTES sub la titolo „Ni revenu sur la socian batalkampon!" - En la sama numero aperis intervjuo kun konata lingvisto André MARTINET. - En la februara numero aperis intervjuo kun verkisto Umberto ECO.

**HEROLDO DE ESPERANTO**
en sia numero de 31 dec 92 aperigis intervjuon kun funkciuloj de Pola Radio, laŭ kiuj „la estonteco de la radio-elsendoj estas bona". En la numero de 25 jan 93 aperis artikolo pri „Katalogo de la planlingvaj periodaĵoj".

**MONATO**
internacia magazino sendependa, en n-ro 1/93 sur p. 18/19 publikigas interesan artikolon pri analfabetigo en evolu-landoj, temo aparte interesa ankaŭ por ĵurnalistoj. Nova rubriko ekde numero 2/93 estas kroniko de ĉiu monato; pro la longa daŭro inter verkado kaj presado en la februara numero aperas la decembra kroniko, en la marta la januara kroniko ktp. En la marta numero, cetere, komenciĝis artikol-serio de Edward SYMOENS pri liaj travivaĵoj en Zairio antaŭ tridek jaroj, pri evolulandoj kaj evoluhelpo.

***

el **EVENTOJ**
n-ro 25 de marto 93

## Gazeto de la jaro 1992!

Elsendo de E-programo de Pola Radio, la 12-an de januaro 1993, je 22.30:

*"Ni komencas nian hodiaŭan trarigardon per tre ĝoja proklamo de 'La Gazeto de la jaro 1992'. Tiu gazeto laŭ ni estas EVENTOJ. Ni multfoje citis kaj rekomendis ĝin pro la fakto, ke ĝi tre trafe servas la movadon. La redaktoroj aparte akcentas la diverskampan praktikan aplikadon de e-o, montrante la okulfrapajn kaj latentajn eblecojn, kiuj ja ekzistas. Samtempe ĉiun oferton, proponon akompanis konkretaj adresoj. Ni deziras al 'EVENTOJ' ĉion bonan en la estonteco, rapidan kreskon de la eldonkvanto, vastan abonantaron kaj rekonon flanke de ĉiuj seriozaj movadanoj. Kun ĝojo ni donas al ĝi nian honoran diplomon 'Gazeto de la jaro 1992', kaj rekomendas la gazeton al ĉiuj niaj aŭskultantoj."*




*Andrzej Pettyn, ĉefredaktoro*

*Dankojn pro viaj laŭdaj vortoj kaj pro la honorigo. Nian laboron ni konsideras kiel servo al la e-komunumo, kaj ni tre ĝojas, se la gazeton esperantistoj trovas utila.*
*La kunlaborantoj de EVENTOJ*